# La Bulteneto

Numero 55 Julia Isbrücker-Jaro 2020

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO

ZWEISPRACHIGES MAGAZIN AUS WIEN





SCHIELE & HUNDERTWASSER

EKSPOZICIO EN LEOPOLD-MUZEO VIENO

# La Bulteneto

Numero 55 (55b) Julia Isbrücker-Jaro 2020

Tria, korektita eldono 2020 08 01

Aliaj numeroj kiel pdf: bitoteko bulteneto

Redaktejo - eldonejo - presejo:

Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio

Tekstoj: Renate kaj Walter Klag

esperanto@chello.at



Sur la titolpaĝo

Friedensreich Hundertwasser, 622.

Der Nasenbohrer und die Beweinung Egon Schieles, Lugano, 1965.



Foto: Leopold Museum, Wien/Manfred Thumberger.



Friedensreich [fridensrajĥ] Hundertwasser:

La nazboranto kaj la priplorado de Egon Schiele [ŝile].

La ekspozicio viziteblas en Leopold-Muzeo

ĝis la 10a de januaro 2021.

Informoj: office@leopoldmuseum.org



Johannes Fischer: Egon Schiele, im Hintergrund
das Gemälde „Waldandacht“ II, 1915. © Leopold Privatsammlung,
Foto: Leopold Museum, Wien / Manfred Thumberger:
Egon Schiele antaŭ sia pentraĵo „Arbara meditado“ II, 1915.

# Egon SCHIELE

Egon Schiele naskiĝis 1890 en Tulln, Malsupra Aŭstrio, kie li loĝis kun sia familio. Li desegnis jam kiam li estis ano de la elementa lernejo. 1902 li iĝis gimnaziano en Klosterneuburg apud Vieno, kie li fondis pentristan organizon. 1907, pro rekomendo de siaj instruistoj, li iĝis la plej juna studento en la Viena Arta Akademio. Du jarojn poste li fondis la Novartan Grupon. Baldaŭ poste li konatiĝis kun Gustav Klimt (1862 – 1918), kiu iĝis lia idolo.
La ekspresionismaj pentraĵoj de Klimt kaŭzis skandalon 1910 en Prago. Samtempe estiĝis la unuaj ekspresionismaj poemoj de Schiele.
1911 Schiele konatiĝis kun Wally Neužil, kiu iĝis lia vivkunulino kaj tre grava persono en lia vivo.
1912 li akuziĝis pro seksa misuzo je 14jara knabino, kiu estis forlasinta la gepatran domon. Pro tio ne kondamniĝis, sed pro „obscenaj" desegnaĵoj, kiujn infanoj povis vidi, li devis pasigi 24 tagojn en la karcero de Neulengbach[1] 20 km sudokcidente de Tulln. Kopio de tiu karcera ĉelo troviĝas nun en Schiele-Muzeo en Tulln.
1914 ĝis 1918, dum la mondmilito, li devis militservi, tamen li daŭre produktis desegnaĵojn. 1915 li edziĝis al Edith Harms. En tiu periodo Schiele iĝis pli fama kaj sukcesa. En aŭtuno 1918 lia edzino mortis, kelkajn tagojn poste ankaŭ Egon, ambaŭ pro la Hispana Gripo.

https://de.wikipedia.org/wiki/Egon-Schiele-Museum
https://www.schielemuseum.at/de/noch-mehr-schiele/neulengbach
https://de.wikipedia.org/wiki/Wally_Neuzil

Prononcoj: Schiele [ŝile]; Tulln [tuln]; Klosterneuburg [klosternojburg], tradukita Klostro-nov-burgo; Neulengbach [nojlengbaĥ]; Wally Neužil aŭ Neuzil [vali nojcil].

---

[1] Dankon al s-ro Leopold Patek pro la korekto.



Erhard Wehrmann: Friedensreich Hundertwasser vor einem seiner Werke, Venedig, 1962 © Hundertwasser Archiv, Wien
© Nachlass Erhard Wehrmann, courtesy Kunststiftung Poll, Berlin.

Friedensreich Hundertwasser antaŭ unu el siaj verkoj.
Venecio 1962.

# Friedensreich HUNDERTWASSER

„Malebena planko estas melodio por la piedoj.”
„La rekta linio iĝis absoluta tiranaĵo.”
Fenestra Rajto (Fensterrecht): „Persono en luata loĝejo devas povi kliniĝi el la fenestro … kaj devas havi la rajton preni penikon kaj pentri ĉion, kion lia brako povas atingi.”
https://de.wikipedia.org/wiki/Fensterrecht

1928 Friedensreich Stowasser, kiu poste nomis sin Hundertwasser, naskiĝas en Vieno.
1929 13 tagojn post lia unua naskiĝdatreveno mortas la patro pro apendicito.
1948 Abiturienta ekzameno en Vieno.
En la sama jaro li malkovras en la muzeo Albertina verkojn de Klimt (1862-1918), Kampmann (1887-1945) kaj Schiele (1890-1918).
Trimonata studado en Akademio por Figura Arto.
1949 Vojaĝo tra Italio. Tie la artisto René Brô invitas lin al Parizo, kie li lernas kiel aŭtodidakto kal evoluigas sian ekologian konscion.
1951 Membro en Arta Klubo (Art Club).
Unua el multaj ekspozicioj.
1953 Invento de la spiralo kaj la senlima linio kiel ĉefa motivo.
1958 Okupiĝo kun arkitekturo kaj urba etoso.
1959 Docento en Hamburga Altlernejo por Figura Arto, kie lia avangardeco estas oficiale agnoskita.
Surscenigo de la Senlima Linio. Kunlaboris la poetoj Bazon Brock [brok] kaj Herbert Schuldt [ŝuld]. Tiu „Hamburga Linio“ – ne oficiale permesita – kaŭzis skandalon kaj Hundertwasser finis la agadon.
1967 Konstruado de la ŝipo Regentag (Pluva Tago).

1984 Li partumas en la okupado de la apudrivera arbaro ĉe Hainburg oriente de Vieno por malhelpi la konstruadon de elektra akvocentralo en tiu arbaro.

1991 Refigurado de la rubobruligado Spittelau [ŝpiteláŭ] en la 9a distrikto de Vieno. Hundertwasser ne prenis monon por tiu laboro, sed postulis, ke en tuta Vieno estu organizita aparta kolektado de valora rubo por reciklado.

2000 Li mortas pro koratako sur la ŝipego Queen Elizabeth II.

2020 En februaro studantoj re-surscenigas la „Hamburgan Linion“ en Leopold-Muzeo. Vidu paĝo 11.




La ŝipo „Regentag“ (Pluva Tago) de HUNDERTWASSER en la haveno de Tulno ĉe Danubo (Tulln an der Donau).

© Foto kaj desegnaĵo Walter Klag 2020.

## Filmo: Hundertwassers Regentag

https://www.youtube.com/watch?v=KW9QOV1lRiA




Poŝtkarto - stampita la 19an de januaro 1950 en Charenton-le-Pont [ŝaraŭtó-lö-po] sudokcidente de Parizo - skribita de Fritz Stowasser en Francio 1950 al sia patrino Elsa Stowasser en Vieno.

Sto signifas cent (germane hundert) en kelkaj slavaj lingvoj.

Ekde 1949 Fritz respektive Friedrich Stowasser transprenis la artistan nomon Friedensreich (pac-riĉa) Hundertwasser (cent-akvo).

La blua stampo sube venas de la aŭstria cenzuro.

Traduko de la teksto maldekstre:

... reflekti. Vi povas en la AKA (= akademio) ja senkaŝe ĉion rakonti. Atentu miajn desegnaĵojn. (Mi?) sendas la foliujon kaj veturas for. Mi sendas samtempe aerpoŝte kaj normale. Kio pli frue alvenas interesas min. Multajn salutojn Via Fritz.



Friedensreich Hundertwasser, 224, Le grand chemin,
St. Mandé/Seine, 1955.


Friedensreich Hundertwasser: La Granda Vojo, 1955.



Kuracbanejo Blumau [blumáŭ] dezajnita de Hundertwasser
en Orienta Stirio, Aŭstrio,
kun Renate Klag.
© Foto Walter Klag 2004.



Re-surscenigo de la senlima „Hamburga Linio“ en Leopold-Muzeo 2020. Kunlaboris respektive superrigardis Bazon Brock [brok].



Altherbeja domo – Hochwiesenhaus.
„La domoj pendas sub la arbaroj." Vieno 1975. Foto Walter Klag 2020.
Ideo de Friedensreich Hundertwasser.
Realigo de tiu ĉi modelo fare de Peter Manhardt.
El balzoligno.



Kaĥeloj dezajnitaj de Hundertwasser ĉirkaŭ 1996.
Fotita 2020 en la loĝejo de familio Klag, Vieno, 19a distrikto.




„La libera naturo estas nia libereco“
Afiŝo pentrita de Hundertwasser 1984, ofseta preso.
Per la vendado subteniĝis la okupantoj-protektantoj de la arbaro ĉe Hainburg. En la arbaro oni planis konstrui akvoenergian centralon.
Fotita 2020 en la loĝejo de familio Klag, Vieno, 19a distrikto.
© Klag




Fasado de Kunsthaus Wien – Arta Domo Vieno.
Tria distrikto, Untere Weißgerberstraße 13.
© 2016 KUNST HAUS WIEN, Foto Eva Kelety.



Hundertwasser-preĝejo en Bärnbach [bernbaĥ], Stirio, Aŭstrio
© Enrico Caracciolo



La rubobruligejo Spittelau [ŝpiteláŭ] en la 9a distrikto de Vieno, beligita der Hundertwasser.
© Foto Walter Klag 2020.





Post la deklaro de la Fenestra Rajto fare de Hundertwasser en Verschimmelungsmanifest (Ŝimiĝa Manifesto kontraŭ la raciigo en la Arkitekturo 1958) li pentris kadron de fenestro de komunuma loĝdomo en la 17a distrikto de Vieno, Andergasse 20.
Poste oni rekreis tiun pentraĵon en la formo de mozaiko.
Por vizito veturu ĝis la haltejo Braungasse de la buslinio 44A.
© Fotoj Walter Klag 2020.

http://www.hundertwasser.at/deutsch/hundertwasser/hwueberhw.php



Peter Femert, Friedensreich Hundertwasser,
Venecio 1983.

# Rudolf Leopold

## La fondinto de Leopold-Muzeo

Leopold-Muzeo estas la plej granda kaj plej vizitata muzeo en Viena Muzea Kvartalo okcidente de la centro de la aŭstria ĉefurbo. Dum kvindek jaroj profesoro doktoro Rudolf Leopold (1925-2010) kolektis pentraĵojn de famaj aŭstraj artistoj. 2001 la kolekto trovis sian definitivan lokon en Muzeo, kiun li konstruis helpe de la Respubliko Aŭstrio kaj la Aŭstria Nacia Banko.

Kerno de tiu kolekto estas la aŭstria arto de la unua duono de la 20a jarcento. La ĉefaj verkoj de Egon Schiele kaj Gustav Klimt paŝon post paŝo montras la stilan evoluon de Junstilo (Jugendstil) al ekspresionismo. La arthistorian kuntekston peras elstaraj verkoj de la aŭstria arta historio de la 19a kaj 20a jarcentoj.

En la vastaj, lumplenaj salonegoj rigardeblas krom pentraĵoj kaj desegnaĵoj ankaŭ objektoj de la artmetio kaj mebloj el la tempo de Wiener Werkstätte: Originalaj objektoj de Adolf Loos, Otto Wagner kaj Josef Hoffmann. Skulptaĵoj el Oceanio kaj Afriko, kiuj ankaŭ estas kolektataj, inspiris multajn artistojn de la Klasika Moderna Arto.

Jam kiel studento de la medicino Rudolf Leopold aĉetis pentraĵojn. Baldaŭ en li estiĝis vera pasio por arto. Ĝis 1994 li vivis kun sia familio meze de tiuj mebloj kaj bildoj. Poste li transdonis siajn 5000 artobjektojn al fondaĵo. La suma valoro estas 575 milionoj da eŭroj.

Ĝis la 1960aj jaroj la arto de Schiele kaj Klimt estis neŝatata, eĉ malestimata en Aŭstrio, sed Leopold havis alian opinion. 1954, dum aŭkcio, oni primokis lin, kiam li favorpreze aĉetis akton desegnitan de Schiele, kies arto tiam estis rigardata kiel dekadenca kaj pornografia. Sed dum la sekvaj jardekoj la prezoj por tiaj pentraĵoj ege kreskis.

Leopold fidis je sia estetika sento, kiam li aĉetis kaj interŝanĝis verkojn. Unue la elektado estis subjektiva, sed poste estiĝis akceptita kultura institucio kolektista, kiu estas nun esenca parto de la arta vivo en Vieno. Leopold-Muzeo havas la

formon de granda kubo el konka kalko kaj estas okulfrapa parto de la Viena Muzea Kvartalo.

Kolektisto ofte malkovras tion, kion iu alia pretervidis. Post scienca esplorado tiajn objektojn montras specialaj ekspozicioj, ofte el nova vidpunkto.

Profesoro Leopold klarigis sian sukceson per sia talento kompreni la estiĝon de verko per sia „arte vidanta" okulo. Liaj kapabloj estis detala percepto, ekzercita komparado kaj akcentado de la ĉefaj trajtoj. Ĉiam li decidis laŭ sia subjektiva sento kaj animstato. Same subjektivaj estis elekto, vicigo kaj prezentado de la verkoj. Tiel li iĝis ne nur fondinto de muzeo, sed ankaŭ celkonscia avangarda kreinto de tuteca artaĵo, simile kiel la Vienaj Secesiistoj. Leopold-Muzeo por ĉiam estos ligita al la kolektisto. La kolekto mem estas aprezo por la aŭstria arto kaj omaĝo al la Viena Moderna Arto.



D-ino Elisabeth Leopold, la vidvino de Rudolf Leopold,
dum gazetara konferenco okaze de la ekspozicio „Anton Romako"
la 5an de aprilo 2018 en Leopold-Muzeo.
© Foto Walter Klag.

# DIE SILBERMÜNZE-MEDAILLE
# 100 STELOJ
# EIN SPITZENPRODUKT DER MÜNZE ÖSTERREICH




**Anlass: 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018**

René de Saussure war ein Schweizer Sprachwissenschaftler und der Erfinder des universellen Geldes. Sein Bruder Ferdinand de Saussure war der Begründer der modernen Linguistik.

Limitierte Auflage: 1000 Stück, keine Nachprägungen. Durchmesser: 37 mm.
Oberfläche: Stempelglanz - PP. Lieferung in einer Kunststoffkapsel.
Masse: 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 Gramm). Zertifikat wird mitgeliefert.
Aus gesetzlichen Gründen ist die Silberpunze 925 aufgeprägt.
Herausgeber und Entwerfer: Mag. Walter Klag.
Künstlerische Feinarbeit: Mag. Helmut Andexlinger, Chefgraveur der Münze Österreich.
Hersteller: Münze Österreich, Wien 3., Am Heumarkt 1; muenzeoesterreich.at
Die Münze Österreich ist eine 100%ige Tochter der Österreichischen Nationalbank.

**Preis 50 € plus Versandkosten (gilt für Euro-Länder).**

Lieferung nach Vorauszahlung des Betrages. Bitte schreiben Sie die genaue Zustelladresse (gegebenenfalls auch die Wohnungsnummer) an esperanto@chello.at.

Mag. Walter Klag, 1190 Wien, Aŭstrio.

# La renaskiĝo de la Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.
Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 Steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu Stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.




La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto. La originala valoro estis difinita kiel 4,2 Steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa Stelo, tiu ĉi Stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en Steloj variis inter 4,040 kaj 4,581. La Steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo.
La avantaĝoj de Steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ Steloj en la komenco de la renkontiĝo.La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com

# Julia Isbrücker-Jaro 2020

**Invito al kunlaboro**

2020 estas la 100a datreveno de la 12a Universala Kongreso en Hago (1920). Julia Isbrücker kunorganizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia kunfondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj kuneldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominaloj estas 1, 5, 10 kaj 25 Steloj.




Sur la monero Julia Isbrücker, desegnita de mag. Helmut Andexlinger,
la ĉefdezajnisto de Münze Österreich, 2020.

2020 aperis arĝenta 50-Stela monero por la honoro de Julia Isbrücker:
Maso 30 gramoj da arĝento 925/1000, diametro 40 mm, eldonkvanto 300.
**Prezo 60 € plus sendokostoj (validas por eŭro-landoj).**




Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Walter Klag, esperanto@chello.at.

# Daten und Fakten

| | |
|---|---|
| 1887 | Das erste Esperanto-Lehrbuch erscheint |
| 1905 | 1. Esperanto-Weltkongress in Boulogne-sur-Mer (Frankreich) |
| 1908 | Gründung des Esperanto-Weltbundes UEA in der Schweiz: www.uea.org |
| 1912 | Die ersten Spesmilo-Münzen werden geprägt |
| 1922 | Erste Radiosendungen in Esperanto (Newark und London) |
| 1938 | Gründung des Esperanto-Jugendweltbundes TEJO: tejo.org |
| 1959 | Die ersten Stelo-Münzen werden geprägt |
| 1965 | 50. Esperanto-Weltkongress in Tokio, der erste Weltkongress in Asien |
| 1966 | Pasporta Servo erscheint erstmalig: www.pasportaservo.org<br>Heute 1800 esperantosprachige Gastgeber in über 100 Ländern |
| 1970 | Das Definitionswörterbuch Plena Ilustrita Vortaro wird herausgegeben:<br>kono.be/vivo oder vortaro.net |
| 1980 | Die Monatszeitschrift Monato erscheint erstmals: www.monato.net |
| 1986 | Erstmals ein Esperanto-Weltkongress in Beijing, China; neuerlich 2004. |
| 2001 | Chuck Smith (USA) gründet die esperantosprachige Vikipedio: eo.wikipedia.org |
| 2002 | Der Internet-Esperantokurs lernu startet: www.lernu.net<br>Mehr als 300 000 Anmeldungen bis 2020 |
| 2006 | Herzberg am Harz (Niedersachsen) wird offiziell Esperantostadt:<br>esperanto-urbo.de |
| 2008 | Erstmalig Esperanto-Prüfungen nach dem Gemeinsamen Europäischen<br>Referenzrahmen: www.edukado.net/ekzamenoj/ker |
| 2011 | Gründung von Muzaiko (Esperanto-Musik): www.muzaiko.info |
| 2012 | Google macht Esperanto-Übersetzungen |
| 2014 | Erstmals Esperanto-Fernsehen: Google > esperanto televido |
| 2015 | Duolingo – Neuer Esperantokurs für Englischsprachige,<br>danach auch für Spanisch- und Portugiesischsprachige:<br>www.duolingo.com Über 2 Millionen Anmeldungen bis 2020 |
| 2017 | 102. Esperanto-Weltkongress in Seoul (Südkorea) |
| 2018 | Die silberne 100-Steloj-Münze wird herausgegeben |
| 2019 | 75. Esperanto-Jugend-Weltkongress in der Slowakei |
| 2019 | 104. Esperanto-Weltkongress in Lahti (Finnland) |
| 2020 | 76. Esperanto-Jugend-Weltkongress in Someren (Niederlande) |
| 2020 | Zum Julia Isbrücker-Jahr erscheint eine silberne 50-Steloj-Münze |
| 2020 | eventa servo verzeichnet hunderte aktuelle Esperanto-Veranstaltungen |
| 2021 | 106. Esperanto-Weltkongress in Belfast (Nordirland) |
| 2021 | 77. Esperanto-Jugend-Weltkongress auf der Insel Jeju (Südkorea) |
| 2022 | 107. Esperanto-Weltkongress in Montreal (Kanada) |





# Esperanto-Numismatika Asocio

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo „Esperanto-Numismatika Asocio” (ENA) kun revuo „Esperanta Numismatiko”, probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum iom pli ol ses jaroj ĝis 141 individuaj membroj kaj 22 esperantaj (kaj eĉ neesperantaj!) organizaĵoj, bibliotekoj, muzeoj kaj universitatoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: „Mi konsentas aliĝi”). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn, 4 numerojn jare.

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon

Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de „Esperanta Numismatiko”



# Esperanto-Bibliothek und Ausstellungsräume

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage**
Im selben Haus befinden sich auch die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**